


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2008.4-5**




*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



# Prezentado de uniformoj en Triesto

***Cele al konigo de la diversaj fervojaj vestaĵoj, (la nunaj kaj la malnovaj) speciala aranĝo estos organizita de la L.K.K. en Triesto.***

***Pripensu la aferon kaj kunportu viajn fervojajn kostumojn***




**Frontpaĝe.**
**Komuna foto de la kongresanoj starantaj antaŭ la Teknika Fakultato "NOT".**

## Enhavo




# Nia 61-a IFEF-kongreso okazos en Triesto (Italio)

De la 23-a ĝis la 29-a de majo 2009

## *Triesto historie*

450.000 a.K. – Homa ĉeesto en karsta teritorio. En Mezolitiko kaj Neolitiko : vivado en kavernoj.

1500 a.K – Sur la montetoj, fortikigitaj vilaĝoj (*castellieri*), loĝataj de prapopoloj (Ilirioj kaj Karnioj). *Tergeste* (elp. Terĝeste, nomo el probabla proto-veneta origino) establiĝas sur la monteto dediĉita al Sankta Justo (itale : *San Giusto*).

52-46 a.K. – Romia kolonio, tre prospera dum la imperia epoko. En la jaro 32ª a.K. la imperiestro Aŭgusto ĉirkaŭigas la urbon per impona muraro. La diversaj eltrovaĵoj pruvas grandan ekonomian evoluon en la 1ª-2ª jc p.K.

Fine de la 2ª jc p.K. – Disvastigo de Kristanismo – La unuaj triestaj martiroj pro romia persekutado: Sanktuloj Justo kaj Serĝo (itale : *Sergio*). La karsta altebenaĵo estis scenejo de kruelaj bataloj, kiuj kontribuis al dekadenco de la Romana Okcidenta Imperio.

5ª-6ª jc-oj – Invadoj de Gotoj, Longobardoj kaj Bizancoj, ĝis kiam en la jaro 788, Karlo la Granda unuigas Friulon, Karston kaj Istrion : *Austriae Italiae*, najbara provinco de la Sankta Romana Imperio.

948 – Lotario la 2ª, reĝo de Frankoj, rekonas la episkopan aŭtoritaton. Tiam komenciĝas la triesta municipismo. En la postaj periodoj, la urbo restis sendependa, malgraŭ la premo de la najbaraj potencoj : Venecio, graflandoj de *Duino* kaj *Gorizia*, karstaj nobeloj, duklando de Karintio.

1368 – Pro la atako de Venecio, Triesto sin turnas por helpo al la Aŭstria duko Leopoldo la 3ª. Ĉio finiĝas per la "Paco de Torino" (1381), kiam oni cedas la urbon al la Patriarko de *Aquileia*.

1382 – Denove Triesto, pro minacoj de Duinanoj, direktiĝas al Leopoldo, kiu anstataŭigas la urban komunumestron per Imperiestra Kapitano. Sub regado de la Habsburga Frederiko la 3ª, triestanoj ribelas kontraŭ li kaj malrekonas lian aŭtoritaton, pro la fakto ke li ne intervenis defende de la urbo, okaze de la milito kontraŭ venecianoj.

Sekve de tio, en

1469, Triesto estis detruita kaj prirabita de aŭstria armeo kaj definitive ree devis submetiĝi al la Habsburga imperiestro.

Ekde 1509 – Sub la regado de la imperiestro Maksimiliano la 1ª.




De la duono de la 16ª ĝis la fino de la 17ª jc – Obskura periodo karakterizata de ekonomia stagnado, kultura malevoluado, epidemioj de pesto kaj bataloj kontraŭ Venecio. Fine, nur komence de 1700, pro la bezono de maraj kaj riveraj kunligoj de la Habsburgoj, Triesto fariĝas grava pro sia haveno.

1719 – Karlo la 6ª, per la proklamado de Sendogana Haveno, kontribuas al komerca disvolviĝo de Triesto. Komenciĝas laboroj de enterigado de la salejoj kaj konstruado de nova kvartalo, ekster la mezepoka muraro.

1740 – Maria Terezo fariĝas imperiestrino de Aŭstrio. Tre grave ŝi kontribuas al prosperado de la kultura, sociala, instru-eduka, institucia, politika vivo de Triesto.

1780 – Surtroniĝo de ŝia filo Jozefo la 2ª. Iom da stagnado, sed, pli poste, sub la regado de Leopoldo (1790-92), la urbo kun sia haveno denove vigle aktivas.

Inter 1797 kaj 1813 trifoja okupado fare de Napoleono, kio bonŝance ne postlasas negativaĵojn kaj ne influas malfavore al la urba progresado.

19-an jc – Sinsekvas notindaj eventoj, influantaj la ekonomion de Triesto : fondo de Ĝenerala Asekur-kompanio kaj *Riunione Adriatica di Sicurtà* (Adriatika Sekurec-Unuiĝo); transformo de Asekur-Kompanio *Lloyd Austriaco* al navigacia societo.

Post la duono de la 19ª jc, du okazaĵoj favoras la ekonomian disvolviĝon de Triesto : inaŭguro de suda fervoja linio, kunliganta Trieston kun Venecio kaj Vieno, kaj la malfermo de la Kanalo de *Suez*. Sed la burokrateco kaj izolemea politiko de Aŭstrio maturigas, en la konscienco de la triestaj patriotoj, la deziron unuiĝi al Italia regno. La atenco kontraŭ la Aŭstria imperiestro fare de *Guglielmo Oberdan* (procesita kaj mort-kondamnita – okt. 1882) favoras la unuiĝon de italaj kaj slavaj kontraŭaŭstriaj movadoj.

1915-18 – Partopreno de triestaj iredentistoj en la vicoj de la itala armeo.

3-an de novembro 1918 – La militŝipo *Audace* [Aŭdaĉe] albordiĝas ĉe Moleo Sankta Karlo kaj Triesto unuiĝas al Italia Regno (oficiale nur en 1921).

Sekvas la malfacilaj jaroj de faŝismo, de la 1930-aj jaroj kaj de la Imperio ĝis

la eksplodo de la Dua mondmilito. Ekonomie la urbo ricevas grandan baton : ĝi perdas sian privilegian pozicion akiritan sub la Aŭstria Imperio kaj fariĝas periferia haveno en Italio.

10-a de junio 1940 – Ekmilito de Italio.

Ekde 9-a de septembro 1943 – Okupado far la germana armeo, kiu daŭras 20 monatojn.

1-an de majo 1945 – Okupado de la urbo far la jugoslavia liberig-armeo dum 40 tagoj.

12-an de junio 1945 – Interkonsento pri kontrolo de Triesto kaj limigita parto de ĝia ĉirkaŭa teritorio fare de Angla-usona Milit-Gubernio (AMG).

10-an de februaro 1947 – Subskribo en Parizo de pactraktato: la kvar aliancitaj potencoj (Anglio, Francio, Sovetunio, Usono) fiksas la landlimon inter Italio kaj Jugoslavio. Interalie estas starigita la Libera Teritorio de Triesto (de *Duino* ĝis *Cittanova*). Tiu Libera Teritorio estas dividita en du partojn : “Zonon A”, kiu restas submetita al la angla-usona administrado, kaj “Zonon B”, kiu estas submetita al la jugoslavia administrado. La italoj, loĝantaj en “Zono B”, unuafoje migras amase al Italio.

5-an de oktobro 1954 – Estas subskribita en Londono Interkonsenta Memorando, laŭ kiu “Zono A” definitive estas submetita al la itala administrado kaj “Zono B” al tiu de Jugoslavio. La loĝantoj en “Zono B” povis denove elekti, ĉu resti aŭ foriri. Tiamaniere okazis la dua eliro : en la daŭro de dek jaroj ĉirkaŭ 350.000 homoj forlasis la istrian teron por enmigri Italion.

1965 – Starigo de Aŭtonoma Regiono Friulo Julia Venetio, kies ĉefurbo estas Triesto.

1975 – Traktato de *Osimo* – la demarkacia linio inter zonoj A kaj B fariĝas Ŝtata landlimo.

*Tiel finiĝas ĉi tiu kronologia, tre konciza, historio pri Triesto. Ni esperas, ke ĝi utilos al vi por iom pli bone kompreni nian urbon kaj ties loĝantaron.*

## *Triesto geografie*

La provinco de Triesto estas la plej malgranda itala provinco : terlango larĝa ekde 5 ĝis 10 km kaj longa 30, etendiĝas inter la maro kaj karsta altebenaĵo (je 400 m. super la marnivelo). Ĝi landlimas oriente kun Slovenio, nord-okcidente kun la provinco de *Gorizia*, kaj en la suda parto ĝi kuŝas ĉe la Adriatika maro. La provinca areo egalas al 212 km$^2$, tiu urba al 84,50 km$^2$; provinca loĝantaro nombras 236.320, dum la urba 205.228 personojn.

**********************




# Nia 60-a IFEF-kongreso okazis en Pollando

Por la dua fojo, la fervojistoj kongresis en Pollando (Katowice en 1987). De la 17-a ĝis la 24-a de majo, la urbo Poznan, unu el la malnovaj urboj de Pollando, ĉefurbo de la regiono Grandpolujo, akceptis la partoprenantojn. Dum unu semajno multaj aranĝoj sinsekvis kaj la kongresanoj (169 el 17 landoj) ĝuis plezurigajn eventojn. Laŭvice, interesa programo disvolvigis tiel.

***Sabaton la 17-an***

Kiel kutime la alvenantoj tuj salutis la konatojn brakumante, kisante unu la aliajn.

Vespere speciala aranĝo nomata "Interkona vespero okazis laŭkutime. La ĉeestantoj plenŝtopis la disponigitan salonon. Ĝis malfrua vespero daŭris la bonetosa renkonto. Sekve, pro la speciala aranĝo nomata *"Nokto de la muzeoj"* ĉiuj havis la eblecon, la tutan nokton, senpage viziti la muzeojn, ĉeesti koncertojn, ĝui surstratajn spektaklojn.

***Dimancon la 18-an***

Matene, la solena malfermo okazis en la granda salono de la Teknika Fakultato (NOT).

En la unua parto, la Poznana Koruso sin esprimis per esperantaj kantoj kaj la prezidanto de LKK, Wieslav Libner, per varmaj vortoj, salutis la kongresanojn. Gravaj eminentuloj esprimis sian honoron ĉeesti tiun kunsidon. Inter ili :

- la direktoro de la regiona pola fervoja reto ;
- Elźbieta MALIK prezidanto de E-SENCO ;
- Barbara PIETRZAK esperanta ĵurnalisto.

Post saluto de la reprezentantoj de la landaj kaj ceteraj Esperantaj asocioj, venis tempo de la honorigo. D-ro Romano Bolognesi, IFEF-prezidanto transdonis Honordiplomon de IFEF al Jiri Pištora pro sia multflanka fruktodona laboro ĉefe kiel inicianto de la grava regiona E. muzeo en Ĉeska-Trebova kaj tute surprizita Martin Stuppnig ricevis distingon de "Honora Membro de IFEF" pro sia konstanta agado ĉiuflanken. Fine la IFEF-prezidanto en sia festa parolo detale emfazis la "mutacion" okazintan lastajn jardekojn en la eksaj socialismaj landoj. Detale, li konigis la politikan situacion de la mondo. Fine, li deklaris la Kongreson malfermita.


*Jiri Pištora*


*Martin Stuppnig*

La koruso denove plezurigis la ĉeestantojn kantante belajn ariojn kaj kelkajn strofojn de "La Espero" komune rekantataj de la ĉeestantoj.

Posttagmeze, anoj de la Terminologia komisiono jam eklaboris dum kiam aliaj priurbaj interesatoj piede vizitis la poznanajn vidindaĵojn.

Dum la piedirado, pluraj interesatoj sin direktis al la preĝejo "La plej Sankta Savanto" por ĉeesti la sanktan diservon.

Okaze de la nacia vespero muzikis kvarteto de la orkestro "Sinfonietta Polonia" kaj ensemblo de kanto kaj danco "Wielkopolska".

***Lundon la 19-an***

Matene, per vaportrajno, ni veturis al fervoja stacio "Wolsztyn", kiu enhavas "vivantan prifervojan muzeon". Estas eksterordinara loko por la fervojistoj kaj fervojo-ŝatantoj. Pli ol 30 vaporlokomotivoj, el kiuj pluraj ankoraŭ nun trafikas sur normalaj linioj, estas eksponitaj. Post komuna tagmanĝo, posttagmeze ni reiris al Poznano sed per tute moderna dizela motorvagono.

Reveninte en Poznan, loka televida skipo atendis nin por intervjui nian prezidanton Romano Bolognesi, vicprezidanton Istvan Gulyas, la LKK-estron Wieslaw Libner kaj Vitold Czerwiński.

Sekvis la nepublika komitat-kunsido. Ne timu, en tiu kunveno ne temas pri kaŝitaj celoj. Tute ne. Nur okazas kunveno permesanta al la komitatanoj libere diskuti, paroli, interŝanĝi siajn vidpunktojn por favorigi unuecan penson kaj harmoniigi la diversajn decidojn proponitajn. Sed, finfine, pri tiuj decidoj, oni voĉdonis dum la publika komitat-kunsido.

***Mardon la 20-an***

Je la 9-a komenciĝis la plenkunsido.

La ĉeestantoj primemoris kaj honoris de la lasta jaro mortintojn.

La Komitato unuanime aprobis la raportojn de la sekretario, redaktoro kaj kasisto.

Same, la protokolo de la 59-a IFK (2007 en Parizo) estis unuanime aprobita. La ĉefkomitatano en sia raporto plendis pro la manko de jarraportoj flanke de la landaj asocioj. Sekvis la resuma raporto de la vicprezidanto pri la jarraportoj de landaj asocioj. Ĝi montris ĉagrenan situacion ĉar la averaĝa aĝo de la membraro altiĝas kaj ĉiam pli kaj pli mankas junuloj. Estas antaŭvidebla la ĉeso aŭ funkcia paŭzo de kelkaj landaj asocioj. Poste temis pri la 2007-a buĝeto kaj rilatoj al UEA, al FISAIC.

La Komitato decidis pri la IFEF-kongresoj okazontaj en la venontaj jaroj. En 2009 IFK okazos en Triesto (Italio), por 2010 proponis sin Bulgario,

**VIFES (Vintra Internacia Fervojista Esperanto Semajno)**

D-ro Rodica TODOR estis elektita kiel nova responsanto de VIFES. En 2009, tiu evento povus okazi en Francio. Pri tiu VIFES, bonvolu legi la klarigojn de Martin Stuppnig en paĝo 56 (IF n° 2008.3).

Posttagmeze la fakaj komisianoj kaj estraranoj estis akceptitaj de la fervoja regiona direktoro. Li klarigis la nunan evoluon de la fervoja reto kiu rapidege transformiĝas. En kelkaj jaroj la vaporepoko iras al tute moderna reto. Poste, per aŭtobuso, oni gvidis nin al trakregejo centra enstacia, kiu, post nuna ĝisfunda renovigo, fariĝos ĉefa trakregejo komputora.

La IFEF-prezidanto transdonis al li IFEF-flagon. Post kelkaj aliaj informoj, la fervoja regiona direktoro invitis la partoprenantojn tosti per glaso da vino kaj panetoj de tiu regiono.

***Bankedo kaj balo***

Bankedo-partoprenantoj kuniĝis en apuda restoracio de la kongresejo kaj sidis ĉe la feste aranĝitaj manĝotabloj. La bankedon malfermis per tosto inĝ Wieslaw Libner. Al bona humoro kontribuis en la apuda salono la prezento de modernaj dancoj. Dekoj da profesiaj gedancistoj ŝvebe evoluis sur la planko kvazaŭ flirtante en la aero. Ĝis noktomezo multaj dancemuloj ĝojis pro tiu agrabla etoso.

***Merkedon la 12-an***

La partoprenantoj de la tuttaga ekskurso ekveturis per du aŭtobusoj kaj aldirektiĝis, laŭ la Piast-reĝa itinero, al Biskupin kaj Wenecja (muzeo de etŝpuraj fervojoj). Dumvoje, la aûtobusoj traveturis kelkajn lokojn, kiuj ludis gravan rolon en la pola historio. Unu el ili estis Lednica kaj alia estis Gniezno.

***Jaŭdon la 22-an***

*Matene,* ankaŭ plurfoje dum la semajno la Faka Komisiono kunsidis sub la gvidado de Jan Niemann. Tiu

parto de la programo estis dediĉita al la preparo de fakaj prelegetoj. Poste, Italio prezentis sian projekton por akcepti la kongresanojn okaze de la 100 jariĝo de la IFEF-fondiĝo. Sperte kaj entuziasme, Edvige Ackermann allogis la ĉeestantojn klarigante la diversajn programerojn kaj varme invitis nin al partopreno.

*Posttagmeze*, ni vizitis la kastelon en Kórnik.Tiu posedaĵo luksege meblita staras meze de granda arbara parko, kiu enhavas multajn valorajn specojn da kreskaĵoj kaj naturajn unikaĵojn.

Poste, kultura vespero, dum du horoj, ĝojigis la ĉeestantojn.

***Vendredon la 23-an***

*Matene* kvar prelegantoj sinsekvis por prezenti kvar prelegetojn diverstemajn.

- D-ro Zlatko HINŠT (HR) parolis pri Trafika efikeco de fervojoj en Eŭropo kaj en la mondo, montrante koncernajn indikilojn surbaze de prilaboritaj datenoj de UIC-statistiko.
- Jaroslav Matuška kaj Ladislav Kovář (ambaŭ CZ) prelegis kontribuaĵon pri informadsistemoj por vojaĝantoj kun malgrandiĝinta vidkapablo en fervojtrafiko de Ĉeĥio. Ili prezentis gravajn karakterizojn de informadsistemoj por plensignifa eluzo per moviĝ-, vid- kaj aŭd-handikapuloj kaj praktike montris elektronikan informigan panelon EZOP.
- Sekvis Marie-Pierre Thaens (FR), kiu vekis nian scivolon pri la ter-konstruaĵoj. Pere de interesa lum-bildaro, li montris diversajn problemojn pri bontenado de la fervojaj talusoj.
- La lasta Jan Niemann (DK) skize sciigis nin pri la grava laboro farita de la DEFA-grupo rilate la historion de la grupo. Poste Jan Niemann rilatis pri bontenado de malnovaj dizel-lokomotivoj.

Post paŭzo, en la dua parto de la kunveno estis diskutataj terminaraj problemoj sub gvidado de d-ro Hoffmann.

Sekvis "Movadaj aferoj" kies animanto Romano Bolognesi instigis diversajn agadojn.

*Posttagmeze* en tiu nomata "malfermo de la kongreso" la flago de IFEF estis transdonita al la venontaj responsantoj t.e. la triesta grupo.



*Post tiu interesa semajno, la LKK-skipo tute meritas nian rekonon kaj niajn sincerajn dankojn*

***Kaj nun ek al la venonta IFK, cele al festo de la centjariĝo de nia federacio.***



# Salutvortoj de la prezidanto dum la solena malfermo de la kongreso (18/05/2008)

***Estimataj, Eminentaj Moŝtaj Gastoj!***

***Bravaj Organizantoj !***

***Karaj Kongresanoj !***

***Samideanoj kaj Kolegoj !***

Ĝoje mi bonvenigas vin en la IFEF-Kongreso de la jaro 2008. Estas tre grave kaj esperige, ke landa asocio, nome la Pola, la duan fojon (post Katowice, en 1987) organizas nian pintan manifestacion. Ni devas gratuli al niaj gekolegoj pro la kuraĝo kaj pro la granda laboro.

De tiam multaj cirkonstancoj ŝanĝiĝis, okazis tuta "mutacio", politika kaj ekonomia. Nun Pollando estas unu el la membrolandoj de la Eŭropa Unio kaj nun multaj civitanoj rajtas facile moviĝi de lando al lando.

De tiam, ni fervojistoj esperantistoj sopiris reveni nordorienten, sed vere, geografie parolante, centren en Eŭropo eĉ pli signife por ni, al la lando, en kiu naskiĝis nia kara lingvo Esperanto, la verko por la tuta homaro fare de la genia, grandanima d-ro *Zamenhof.*

La esperantistoj ĉiam malŝatis fermitajn barilojn kaj tio ne malofte estigis por ili malagrablaĵojn kaj suferojn. Ne nur perparole ili ĵetis energiojn kaj korojn trans la absurdajn limojn tra nordo kaj sudo, tra okcidento kaj oriento, trans ĉiaj obstakloj kaj ĉiaj ideologioj.

La nuntempaj trafikaj, ekonomiaj cirkonstancoj kaj la kreskantaj internaciaj rilatoj multe pli ol antaŭe permesas fekundajn interŝanĝojn, kaj nia lingvo Esperanto per sia lernebleco kaj per sia animo aparte taŭgas por favori tion.

Tre fiere ni rajtas aserti, ke ni esperantistoj, de ĉiam persiste zorgantaj por pli bonaj interhomaj kontaktoj, praktikas kaj montras vivkoncepton de ĉiam kaj certe por ĉiam avangarda.

El historiaj fontoj ni scias, ke jam en la jaro 1909 agadis sufiĉe multaj fervojistoj esperantistoj en Pollando (tiam sub rusa regado), krom ke kolego *Sandecki* estis estrarano de I.A.F.E., la tiama nia internacia organizacio.

Dum la du mondmilitoj kaj en la periodo inter ili, kaj eĉ poste, la cirkonstancoj estis teruraj kaj malfacilaj ĝis la jaro 1957 kiam pli-malpli bonaj kondiĉoj ebligis la refondon de iuj lokaj kaj fine tutnacia organizoj sub la gvidado de sindonemaj kolegoj kiel *Erasm Nawrowski.*

Poste, sekvis kriza periodo praktike ĝis la jaro 1977 kiam fervojista sekcio ekagis kadre la la Pola Esperanta Asocio, unue sub la gvidado de *Czeslaw Holz.*

Sekve aktiviĝis aliaj kolegoj kaj en 1983 elektiĝis nova estraro kun *Maria Fedorowicz* kaj *Wieslaw Rozankowski,* kiu ĝuste prezidis la kongreson en Katowice.

Alia iom silenta periodo interrompiĝis antaŭ kelkaj jaroj per refondo kaj per vigla agado de la nunaj organizantoj.

Akceptante la allogan inviton de la polaj kolegoj sub la gvidado de *Wieslaw Libner* kaj kunlaborantoj ni certis pri akurataj kaj diligentaj faroj.

Ni antaûĝojis la viziton kaj la restadon ĉe la rivero Watra, en Poznań, antikva kaj nobla urbo, ene de vasta regiono nomata "Granda Pollando", kun antikvaj tradicioj de aŭtonomeco, kulturo kaj arto, tre taŭga por nia kongreso, kies preparoj certe kaptis la atenton de la urbestraro, esperéble altiros tiun de la loĝantaro kaj kies laboroj kaj rezultoj tre verŝajne plu fruktigos bonon kaj amikecon.

La belaj lokoj certe sentigos nin tre bone kaj ni ĝue vivos la landan etoson. La multaj monumentoj de la urbo, kiu ĉiam estis malfermita, invitema kaj tolerema, certe montros siajn fascinojn laŭ la plej bona maniero.

La ĉeestantoj ne bedaŭros la partoprenon, ĉar la gastiga Loka Kongresa Komitato, kongresejo, la loĝeblecoj, la manĝeblecoj, la multaj programeroj kontentigos ĉiajn gustojn.

Estas pruvite, ke la sciencaj atingoj kaj ties teknikaj aplikoj povus doni bonajn vivkondicojn al ĉiuj homoj sur Tero, sed tiu ĉi turmentita homaro, aŭ ne volas, aŭ ne kapablas, interrilati laŭ kunlabora kaj paca maniero. La multaj informoj el la mondo pri ĉiatipaj ekspluatadoj, terorismoj, militoj kaj aliaj fifaroj ebligas trankvilecon.

Antaŭe mi aludis, ke nuntempe estas multe pli da eblecoj por la homoj libere trafiki kaj entrepreni kaj tuj oni povas reve fantazii pri la "mirakloj" de la tiel dirita "libera merkato", sed pri tio oni devas esti tre singarda.

Tiu ŝajne mirakla ideologio, strebanta, ĉiakoste kaj ĉiarimede, al maksimuma profito, evidente, ankaŭ kontribuas al kresko de ekspluatadoj kaj de malcertecoj, kondukas al allogaj mistifikaj supraĵoj, al trompoj, al perdo je fidoj en la estonteco, al senkompata konkurencado kaj samtempe al monopolaj koncentradoj de ekonomiaj, informadaj, politikaj povoj kaj kontroloj, kiuj povas sufoki multajn valorajn idealojn kaj endanĝerigi la vivon.

Inter aliaj multaj rimarkoj, la sciencistoj atentigas, ke la ebleco de pluvivo de nia specio fariĝas pli kaj pli febla pro troa malefika ekspluatado de la planedaj rimedoj fare de homaro, ĉiutage pli postulema kaj detruema, pro tiu mirakla tutmonda merkato, kaj ankaŭ pro tro alta demografia premo.

La esperantistoj vivas en tiu ĉi mondo kaj oni devas adaptiĝi. Tamen ni neniam devas ĉesi flegi ankaŭ aliajn sentojn kaj aliajn esperojn. Fakte, post konscia elekto, ni agas en malsama maniero kaj ni devas esti fieraj pro tio, kvankam tia vojo estas kontraŭflua.

Multaj bonintencaj homoj ja ekzistas, sed verŝajne oni ne faras sufiĉe por kontraŭi la malbonfarojn. Oni devas postuli pli da konscio (ĉar ĉiuj homoj estas sur la sama boato) favore al nia planedo Tero, kies destino ĉiam pli dependas de saĝaj elektoj kaj de la konservado de ni homoj mem, de la natura medio, en kiu, kaj per kiu, ni homoj vivas.

Optimistoj eble diras, ke, malgraŭ ĉio, la homaro ĝis nun pretervivis kaj eble iel daŭre pluvivos.

Ankaŭ ni forte esperas, sed kun okuloj malfermitaj, kun la supraj atentigoj, konstatante ke pli kaj pli da homoj

bezonas interrilati, eĉ pli multe nun ol en la tempoj de d-ro Zamenhof. Ankaŭ por konsciigi pri tiuj gravaj problemoj la homoj nepre bezonas supernacian interligilon.

La historio montras, ke uzado tiucele de nacia lingvo neniam vere solvis la problemon de malbona komunikado (ĉar ĉiukaze nacia lingvo estas detruema por la aliaj lingvoj). Per rektaj personaj pruvoj ni tutcertas, ke ekzistas ilo kapabla neŭtrale helpi laŭ efika maniero en la homaj interrilatoj.

D-ro Zamenhof proponis, lanĉis entuziasman defion. Li certis, ke iam la homoj akceptos plej bonan manieron interrilati, vivi pace kaj frate.

Jam Esperanto sukcesis pretervivi terurajn provaĵojn. Bedaŭrinde, en la mondo ankoraŭ oni ne multe konsideras ĝin. Eble, ĝi estas ankoraŭ tro avangarda.

Ni akceptis tiun proponon, ni relanĉis tiun defion. Ni tute ne dubas pri la perfekta uzebleco kaj eĉ supereco de Esperanto por ĉiuj plej altaj homaj celoj, kaj pro tio ni ne timu daŭre persisti en nia agado, esperplene, kuraĝe kaj firme, kontraŭ ĉiaj nekomprenoj kaj malfacilaĵoj.

Por ni fervojistoj esperantistoj, kongresi signifas ĉefe kunlabori por niaj celoj, kunmeti energiojn kaj pasiojn por antaŭenigi la Internacian Lingvon kaj nian Federacion.

Niaj plej gravaj kongreseroj estas la kunsidoj de la Komitato kaj de la Komisiono, kun la fakaj aranĝoj, ĉar ili montras la progreson de nia agado, taksas nian laborkapablon kaj niajn adaptiĝojn kaj kontribuojn al la rapide evoluanta fervoja tekniko. Dum iliaj disvolviĝoj, same kiel dum la kulturaj, artaj, distraj programeroj, montriĝas ankaŭ la ĉefaj elementoj de nia tipe internacia vivmaniero, kiuj venas el la diversaj personecoj de la partoprenantoj.

Ni daŭre organizu kaj uzu la fervojistajn kongresojn ankaŭ kiel forumojn malfermitajn al ĉiuj, por libere esprimi niajn ideojn kaj interŝanĝi demokratajn opiniojn je internacia nivelo, bone sciante, ke tio plene povas efektiviĝi nur per bona uzado de komuna lingvo, kiu ebligas al homoj el la plej malproksimaj landoj kaj kulturoj, kunligiĝi je ĉiu ajn nivelo.

Ni fervojistoj esperantistoj jam longe spertiĝis kaj brile pruvis tion, dum la pasintaj 99 jaroj de nia internacia agado, kaj ĉefe dum la 59 antaŭaj kongresoj, danke al la ideala kaj tre racia zamenhofa verko.

Sen tradukaj aparataroj, sen interpretistoj, ni montras la plej bonan manieron internaciskale komuniki. Inter esperantistoj, oni neniam sentas sin fremdaj.

Estas en ĉi-tiu spirito, ke niaj antaŭuloj komencis agadi kaj tiel ni devas daŭrigi. En mondo ĉiam pli malgrandiĝanta, alvenis al ni la "torĉo" de la bonaj ideoj, de la altaj idealoj, kiuj transiras de mano en manon, de lando en landon.

En ĉi-tiu spirito mi bone esperas, ke en Poznań ĉio estu kiel eble plej morale kaj materiale plensukcesa kaj ke ĉiuj povu feliĉe realigi siajn dezirojn.

Per ĉi-tiuj vortoj, mi deklaras la 60-an Kongreson de I.F.E.F. (la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) malfermita.

*Romano BOLOGNESI*

*IFEF-Prezidanto*

# SALUTMESAĜO AL LA 60-a IFEF-KONGRESO EN POZNAŃ EN POLLANDO

Estimata estraro de I.F.E.F. kaj LKK

Karaj gekolegoj,

Nome de Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio ni varme gratulas al ĉiuj kongresanoj kaj amikoj de diversaj landoj. Estas festinde kaj memorinde, ke la I.F.E.F.-kongreso okazas en Pollando, naskiĝloko de Esperanto. Ni ĝojegas kaj dankegas pro tio, ke la aktivaj kaj bravaj polaj fervojistaj esperantistoj faras grandan kontribuon al la Esperanto-movado de fervoja fako.



Ĉinaj fervojistoj deziras kunlabori kun fervojistoj kaj amikoj de diversaj landoj ne nur en la Esperanto-movado, sed ankaŭ en aliaj flankoj, ekz. fervojaj aferoj, scienc-teknikoj, turismo, edukado, komerco ktp. Lasu nin klopodi por paco, amikeco, progreso, disvastigo en la tuta mondo, por la fondado de la harmonia mondo per Esperanto !

Ni elkore bonvenigas ĉiujn amikojn de diversaj landoj viziti Ĉinion por Beijing-aj Olimpikoj kaj konado de vera Ĉinio.

Plenan sukceson al la kongreso !

***Prezidanto LI Sen***

***Vicprezidanto Han Zuwu***

***Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio***

## *Bondezirojn*

La 18-an de majo 2008, nia amiko **RÖSEMANN Otto** festis sian 85 jariĝon. Por lia plurjardeka rezultohava grava laboro, en jaro 1999 li estis nomumita

**Honora Membro de IFEF**.

***Koran gratulon***

# RESUMA JARRAPORTO DE LA LANDAJ ASOCIOJ DE IFEF PRI LA JARO 2007

La landaj asocioj de IFEF, surbaze de la dissendita demandilo, preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2007. La resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar ne alvenis raporto el Pollando, Serbio kaj Slovakio. Inter ili Serbio kaj Slovakio jam de pluraj jaroj ne sendis jarraporton. Pollando en la antaŭaj jaroj sendis jarraportojn, kaj laŭ tiuj mi kalkulas en la nuna resuma jarraporto.

En la jarfîno de 2007 ekzistis 19 landaj asocioj de IFEF : Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Kroatio, Norvegio, Pollando, Rumanio, Serbio, Slovakio, Slovenio. Inter la landaj asocioj Serbio kaj Slovakio preskaŭ ne funkcias, malgraŭ tio, ke Serbio por 15, Slovakio por 10 membroj pagis jarkotizon al IFEF en 2007.

### l./ La landaj asocioj

La landaj asocioj raportas pri 1975 asociaj membroj, (65 malpli ol en la antaŭa jaro). Mi ankoraŭ kalkulas 15 serbajn kaj 10 slovakajn fervojistajn esperantistojn, laŭ ciferoj de la pasintaj jarraportoj de la koncernaj landaj asocioj. Kiam ni ekzamenas la membro-nombron, ni povas konstati, ke dum la lastaj kvin jaroj grave malkreskis tiu nombro. Laŭ mia opinio, la kaŭzo de la kontinua malkresko estas, ke grave maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado, malboniĝas la ekonomia situacio ĉefe en Eŭropo, rapide ŝanĝiĝas la fervojaj organizoj, malkreskas la nombro da fervojistoj, disvastiĝas la angla lingvo sur ĉiu tereno de la vivo, kaj mankas gejunuloj inter la esperantistoj.

Laŭ la raportoj, IFEF enhavas - kune kun la individuaj membroj - 655 membrojn, kiu nombro estas kun 26 malpli ol en la antaŭa jaro. La kasisto de IFEF nombras 684 membrojn, ĉar kelkaj landaj asocioj pagas pli altan jarkotizon ol la membro-nombro. Ekzemple la danoj pagis jarkotizon por 60 personoj anstataŭ 38.

En la fino de la naŭdekaj jaroj IFEF havis pli ol 1200 membrojn, kaj en la jaro 2000 nur 1067, en 2002: 907, en 2004: 793 kaj en la fine de la jaro 2007 nur 655.

La raportoj indikas el la plena asocia membraro pli ol 65%-ojn da emeritoj, kaj en multaj landoj tiu indiko atingas 90%-ojn, ekzemple en Aŭstrio, Germanio, Italio, Hispanio, Norvegio.

El la tuta membraro 277 estas nefervojistoj. La nombro de la memstaraj grupoj estas 73.

Kelkajn esperigajn signojn ni povas vidi, ĉar ekzemple en Ĉinio inter 150 membroj nur 30 %-oj estas emeritoj, en Hungario inter 554 membroj 56 %-oj, en Kroatio inter 37 membroj 33 %-oj, en Pollando inter 35 membroj 37 %-oj kaj en Rumanio inter 92 membroj 41 %-oj.

### 2./ Taskoj de la landaj asocioj

Dek du landaj asocioj agadis laŭ la akceptita laborplano.

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj kolektis indikojn pri la historio de la landa fervojista Esperanto-movado, kaj ili kon-

servis historiajn heredaĵojn. Tiu tasko estas ege grava pro la centjariĝo de la fervojista Esperanto-movado en la jaro 2009, ĉar laŭ tiuj indikoj kaj materialoj IFEF povos pretigi centjaran historion de la fervojista movado.

**3./ Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj**

Dek du landaj asocioj raportas pri bonaj interrilatoj kun la fervojoj. El ili sep asocioj ricevis aŭ financan subtenon, aŭ senpagan bileton por oficiale vojaĝi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj, eĉ kelkaj landaj asocioj senpage ricevis specialan lokon por kunveni.

Estas malbona afero, ke la klariga teksto en Esperanto malaperis el ĉiu landa oficiala fervoja horarlibro, kaj en la estonteco ni ne povas esperi ĝian re-aperadon.

Nur kvin landaj asocioj kontaktas kun sindikatoj ; inter ili Germanio kaj Kroatio ricevis pli-malpli financan apogon aŭ senpagan kunvenejon de ili.

Dek kvar landaj asocioj havas rilaton kun la landa FISAIC-sekcio. Hispanio kaj Slovenio ne havas kontakton kun la landa organizo de FISAIC, eĉ en Ĉinio kaj Japanio ne ekzistas landa FISAIC-organizo. La Ĉinaj Fervojoj klopodas interrilati kun FISAIC, kaj mi esperas, ke finfine sukcesos tio. Dek landaj asocioj ricevis financan subvencion aŭ alian helpon de la landa FISAIC-sekcio. Kvin landaj asocioj havas oficon en la FISAIC organizoj.

Laŭ la jarraportoj bedaŭrinde la landaj asocioj en Ĉinio, Hispanio, Italio, Japanio kaj Slovenio ricevis neniun apogon nek de fervojo, nek de sindikatoj eĉ nek de landa asocio de FISAIC.

Dek du landaj asocioj havis kontaktojn kun libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj kaj religiaj organizoj. En kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj ludas gvidan rolon en tiuj organizoj.

4./ **Organizado de jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj**

Nur en Aŭstrio, Belgio kaj Slovenio ne okazis jarkunveno en la jaro 2007, eĉ en Ĉeĥio kaj Hungario oni aranĝis tion dufoje. Entute 500 partoprenantoj ĉeestis dum la jarkunvenoj. Nur kvar landaj asocioj raportas pri eksterlandaj gastoj, nombre 24 personoj. Preskaŭ en ĉiuj jarkunvenoj okazis fakprelegoj. Eĉ en dek landoj oni samtempe organizis ankaŭ distrajn kaj ekskursajn programojn.

En la jaro 2008 nur en Bulgario kaj Japanio ne okazos jarkunveno.

En ses landoj oni aranĝis memstaran fervojistan aŭ komunan internacian Esperanto-renkontiĝon.

**5./ Interrilatoj kun Esperanto-organizoj**

Laû la raportoj preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havis interrilatojn kun sialanda asocio de UEA, eĉ en kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj agadis kiel estraranoj de tiu.

Entute nur en kvar landoj ekzistis SAT-organizaĵo, kun kiuj la fervojistaj esperantistoj interrilatis.

Dek kvin landaj asocioj havis bonan interrilaton kun aliaj Esperanto-organizaĵoj. Aŭstrio raportas pri bona kontakto kun la Intemacia Esperanto-Muzeo en Vieno, Ĉeĥio kun IKUE, Ĉinio kun Sciencteknika Asocio, Danio

kun DEA-kluboj, Germanio kun KELI, Hungario kun medicinistoj, Italio kun ILEI kaj ERA, Kroatio kun SAT, Norvegio kun Esperanto-tour, Romania kun la landa Esperanto-Asocio, Slovenio kun Pasporta-Servo de TEJO ktp.

En Hispanio, Kroatio kaj Pollando ne ekzistas fakdelegito ĉe UEA. Entute 48 fakdelegitoj helpis la agadon de UEA flanke de la fervojistoj.

Mi mencias, ke en Ĉinio agadas nur du fakdelegitoj, pro tio la landa asocio petis de UEA plimultigi la nombron de fakdelegitoj, sed ĝis nun la asocio ne ricevis reagon de UEA. Do, pro tio, la estraro de IFEF devas instigi la Centran Oficejon de UEA por solvi tiun problemon.

**6./ Informado en la plej vasta senco**

Dekdu landaj asocioj informis en propra medio la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj pere de fervojista gazeto kaj aliaj fakaj kaj publikaj regionaj ĵurnaloj. Multaj landoj funkciigis murgazetojn en siaj stacidomoj kaj aliaj konstruaĵoj.

Nur en Ĉeĥio, Francio kaj Hungario aranĝis ekspoziciojn la fervojistaj esperantistoj, kiujn pluraj centoj da homoj vizitis. Iliaj temoj varie estis la historio kaj vivo de la landa fervojista Esperanto-movado, la rezultoj de la instruada, terminara kaj faka laboro.

Dek landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj kaj fakartikoloj. En Ĉeĥio, dum du konferencoj, okazis tri valoraj fakprelegoj. La Ĉinoj faris du prelegojn pri fervojaj aferoj en la Ĉina Esperanto-kongreso. La Danoj, Hungaroj, Kroatoj dum la klubkunvenoj, la Germanoj dum la GEA-kongreso kaj la klubejoj faris fakprelegojn pri IFEF kaj pri fervojfakaj aferoj. La Japanoj faris interesan fakprelegon pri la japana fervojo dum la fervojista kontaktkunveno en la 92-a Universala Kongreso de Esperanto en Jokohamo.

**7./ Instruado**

Estas ĝojoplena evento, ke preskaŭ ĉiuj landaj asocioj raportas pri la aranĝoj de Esperanto-kursoj. Laŭ la raportoj okazis entute 50 lingvokursoj kun pli ol 500 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj estis en Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Hungario kaj Rumanio.

La lingvokursoj estis memstaraj en dek unu landoj, kaj ses landoj aranĝis tion komune kun la landa Esperanto-asocio kaj kun aliaj Esperanto-organizoj.

**8./ Junulara agado**

Ok landaj asocioj raportas pri 80 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝaj) el la tutaj asociaj membroj. Kompare kun la antaŭpasinta jaro, kiam ankoraŭ la juna membronombro estis 218, kaj kun la pasinta jaro, kiam ekzistis 144 gejunuloj inter ni, ni ricevas malgajan rezulton. En Ĉinio 26 (en 2005 : 150, en 2006 :76), en Hungario 40 (en 2005 : 55, en 2006 : 50), kaj en Bulgario, Germanio, Italio, Kroatio, Rumanio, Slovenio nur kelkaj gejunuloj ekzistas.

Memstara junulgrupo ne ekzistas.

Multaj raportoj enhavas plendon pro la manko da gejunuloj. Estas skribite, ke akiri novajn membrojn el la junularo estas "senespera afero". Vane ni aranĝas pli allogajn programojn, kongresojn, klubkunvenojn, kaj ni popularigas Esperanton pere de organoj, afiŝoj, murgazetoj kaj aliaj medioj, la gejunuloj ne venas inter ni, kaj ne interesiĝas pri Esperanto. Do, mi devas konstati, ke la fervojista Esperanto-movado rapide mal-

juniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havas estonton.

**9./ Landaj organoj**

Dek tri landaj asocioj eldonis propran organon. En Ĉinio, Danio kaj Francio sesfoje, en Bulgario, Germanio, Hispanio, Hungario, kaj Pollando kvarfoje, en Aŭstrio trifoje, en Italie dufoje kaj en Rumanio unufoje aperis la landa organo en la jaro 2007. La japanoj eldonis informilojn pri la enhavo de Internacia Fervojisto kaj pri la 92-a UK. La nombro de la jara paĝo estas 628, kaj laŭlande varias inter 12 kaj 80. Bulgario, Danio, Hungario kaj Rumanio eldonis ĝin nur en Esperanto.

Dek tri landaj asocioj havis spacon en aliaj organoj.

**10./ Faka agado**

Dek unu landaj asocioj raportas pri la agado en la terminara laboro. La aktiveco ne malkreskis, eĉ multaj terminŝanĝoj okazis surbaze de la tradukitaj difinoj. La kunlaboro kun la nova UIC-oficistino estis rezultohava, ĉar en 2007 entute 1081 tradukitajn Esperanto-difinojn ni sukcesis enigi en la datumbankon de UIC. Ĉefe la Germanoj laboris aktive sur tiu tereno.

Naŭ jarraportoj mencias pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj kaj materialoj.

**ll./Ekonomio**

Laŭ la jarraportoj, la ekonomia situacio ĝenerale similas al la antaŭaj jaroj. En kelkaj landoj nur la subvencioj, la enpagitaj jarkotizoj kaj la reduktoj de la elspezoj povis ekvilibri la financan staton. En Ĉeĥio, Danio, Francio, Germanio, Hungario kaj Japanio la ekonomia situacio kaj la financa stato estis sufiĉe bona kaj kontentiga.

Aliaj landaj asocioj plendas, ĉar la afrankoj altiĝis, la pagantaj membroj malpliiĝis, la kosto de la luado de la fervojaj lokoj altiĝis.

**12./ Fina komentario**

La plej gravaj problemoj estas la senrezulta klopodo por varbi novajn membrojn, la maljuniĝo de la membraro de la asocioj, kaj la manko de gejunuloj. Tial, neniu volas transpreni la gvidan taskon en la asocioj. Legante la jarraportojn mi ĉagrene konstatas, ke en kelkaj landoj la fervojista Esperanto-movado preskaŭ ĉesas. En Serbio, kaj Slovakio la situacio estas la plej malbona.

Preskaŭ ĉiuj jarraportoj mencias, ke la tendenco estas preferi la anglan lingvon. Tial ni devas plibonigi la laborojn de BFEF kaj de la landaj asocioj.

Kelkaj jarraportoj enhavas proponojn por plibonigi la laborojn de IFEF kaj de la landaj asocioj. Ĉefe la ĉina kaj la hungara proponoj estas konsiderindaj.

Leginte la jarraportojn, parolinte kun enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj, partopreninte en Esperanto-kongresoj, konferencoj, renkontiĝoj mi opinias ke apud la multaj malfacilaĵoj, ni havas esperigajn eblecojn kaj planojn. En la sekvonta jaro la fervojista Esperanto-movado festos la centjariĝon. Mi esperas, ke tiu datreveno kunportos la prosperon kaj disvolviĝon de la fervojista Esperanto-movado.

*Budapest, la 3-an de majo 2008.*

***István Gulyás***

***Vicprezidanto de IFEF***

# Terminologia angulo (7)

En la pasinta 60-a IFEF-kongreso en *Poznań* – kiel en ĉiuj tiaj kongresoj – kunlaborantoj de Terminara Sekcio kaj aliaj interesataj kolegoj vigle diskutis pri plej trafaj Esperanto-fakesprimoj surbaze de difinoj donitaj de Internacia Fervojunio *UIC*. Jen ekzemplo pri lokomotivo aldone envicigata ĉe trajnofino :
ŝlosilnumero 05226

*UIC*-difino : Lokomotivo ĉe fino de trajno kun trenanta trakciilo, por aldona puŝado.

Noto: La povumo de la trenanta lokomotivo ne sufiĉas por laŭplane tiri la vagonaron.

Terminoj en la naciaj lingvoj de la kunlaborantoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| ĉeĥa | *postrková lokomotiva* | itala | *locomotiva di spinta* |
| dana | *skydelokomotiv* | pola | *lokomotywa dodatkowa* |
| franca | *locomotive de pousse* | rumana | *locomotivă împingătoare* |
| germana | *Schiebelokomotive* | serba | *potiskivalica* |
| hungara | *segélymozdony* | | |

Problemo : La ĝisnuna Esperanto-termino „puŝlokomotivo” estas tro ĝenerala, ĉar ĝi inkludas ankaŭ sole (sen trenanta trakciilo) puŝadantan lokomotivon.

La partoprenintoj decidis la terminon "lokomotivo helppuŝada".
ŝlosilnumero 05229

*UIC*-difino : Lokomotivo vicigita ĉe trajnofino, kiu – kontraste kun helppuŝada lokomotivo – donas povumon nur por propra movo, kaj ĉiukaze restas ĉe la trajno ĝis iu stacio.

Noto : La aldona lokomotivo estas bezonata nur en survoja stacio.

Terminoj en la naciaj lingvoj de la kunlaborantoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| ĉeĥa | *koncová lokomotiva* | itala | *locomotiva di coda* |
| dana | *slutlokomotiv* | pola | *lokomotywa końcowa* |
| franca | *locomotive de queue* | rumana | *locomotivă final de tren* |
| germana | *Schlusslokomotive* | serba | *lokomotiva na kraju voza* |
| hungara | *záró mozdony* | | |

Problemo : La ĝisnuna Esperanto-termino „lokomotivo trajnofina” estas tro ĝenerala, ĉar ĝi inkludas ankaŭ puŝadantan lokomotivon.

La partoprenintoj decidis la terminon "lokomotivo trajnfina nepuŝada".

*Heinz Hoffmann*

*sekretario de IFEF-Terminara Sekcio*

# Organizaĵo de IFEF

*En la antaŭa numero (paĝon 49) aperis verkaĵo de inĝ Gulyás pri la organizaĵo de UEA. Jen la promesita dua parto pri organizaĵo de IFEF*

Laŭ la iniciato de franca kolego s-ro Armand Berlande en 1909 dum la 5-a Universala Kongreso de Esperanto en Barcelono, 11 fervojistoj el sep landoj fondis nian organizaĵon tiutempe sub la nomo "Internacia Asocio de la Esperantistoj Fervojistoj". La nunan nomon en 1948 ricevis nia Federacio. La celo de IFEF estas : disvastigi kaj apliki Esperanton en la fervojaj administradoj kaj en la fervojistaj medioj kaj rondoj.

La fervojistaj esperantistoj jam en 1912 membriĝis al UEA kiel "Esperanto Entrepreno", kaj mem la IFEF ekde 1953 estas faka asocio de UEA. IFEF havas kunlaborantan kontrakton kun Universala Medicina Esperanto-Asocio, kaj daŭran interrilaton kun Internacia Scienca Asocio Esperantista.

IFEF agadas en la kadro de FISAIC. Tiu organizaĵo kaj morale kaj finance helpas kaj apogas nian laboron, ĉefe pere de la landaj asocioj de FISAIC.

IFEF havas momente 19 landajn asociojn, inter ili Ĉinio kaj Japanio agadas ekster Eŭropo. Nia Federacio havas ankaŭ kelkajn individuajn membrojn ĉefe en tiuj landoj, kie antaŭnelonge ĉesis la landa asocio, ekz. en Nederlando kaj en Svislando.

IFEF havas entute 685 membrojn. La plej multnombraj membroj loĝas en Germanio (129), kaj Francio (105). Kompreneble la nombro de la fervojistaj esperantistoj estas pli granda ol la IFEF-membronombro (pli ol 2 000), ĉar multaj landaj asocioj ne povas pagi la IFEF-kotizon. Ekzemple en Hungario inter 554 fervojistaj esperantistoj, nur 30 membriĝis al IFEF, ĉar en Hungario la membrokotizo kostas 2 Eŭrojn/jare por la aktivaj fervojistaj esperantistoj, kaj 1 Eŭron/jare por la pensiuloj. La IFEF jarkotizo estas 9 Eŭroj/jare por ĉiuj membroj. En Hungario, anstataŭ la membroj nia asocio pagas la IFEF-kotizon. Bedaŭrinde la membro-nombro en la fervojista medio ĉiujare grave malkreskas. Mi povas konstati, ke en la lastaj kvin jaroj la malkresko estis signifa.

En la kadro de IFEF entute 20 komitatanoj agadas. Ili dum la komitatkunsidoj decidas pri la farendaĵoj, interrilatoj, buĝetoj, kongresoj, honorigoj ktp.

IFEF ĉiujare organizas kongreson. Ĝis nun jam okazis 59 IFEF-kongresoj, la unua estis en 1949 en la dana urbo Aarhus, kaj la lasta en Parizo pasintjare. En la kuranta jaro IFEF kongresos en Pollando en la urbo Poznán, kaj la centjariĝon de la fervojista Esperanto-movado ni festos en Italio en la urbo Triesto dum la 61-a IFEF-kongreso en la jaro 2009.

La kvinkapan estraron de IFEF ĉiun trian jaron elektas la komitato. Nuntempe la estraro konsistas el du Francoj, unu Italo, unu Kroato kaj unu Hungaro. La estraro kunsidas printempe, aŭtune, kaj dum la IFEF-kongresoj.

La plej grava tasko de IFEF estas la faka kaj la terminara laboro. Multaj fakaj artikoloj, tradukoj aperas kontinue. Al tio donas gravajn helpojn pli ol 15.000 fakterminoj, tio kion eminentaj fervojistaj esperantistoj pretigis, inter-alie s-ro Blondeaux, Ritterspach, Szekeres, Hoffmann ktp. La Terminara Sekcio funkcias ekde 1950. La plej granda laboro kaj rezulto de tiu Sekcio estas la traduko de la seslingva faka terminaro de UIC (Lexique Général). La fervojistaj fakuloj kontinue laboras en la kadro de la Terminara Sekcio por pliampleksigi kaj plibonigi la terminaron, kiu nun jam atingas la nombron de 20 lingvojn. La Fake Aplika Sekcio komencis funkcii en 1959. Ĉiujare en la IFEF-kongresoj la plej grava programero estas la ĉefa fakprelego, kaj la fakprelegetoj. Tiuj informas pri la plej freŝaj kaj interesaj fakaj novaĵoj. Krom tiuj kongresaj programeroj daŭre aperas fakartikoloj en la fakrevuoj kaj en la Fakaj Kajeroj.

IFEF estas unu el la plej forta, laborkapabla organizaĵo inter la fakaj asocioj de UEA. Kaj la historio kaj la kontinua agado de IFEF montras, ke IFEF ludis kaj ludas gravan rolon en la Esperanto-movado. En la kadro de UEA ĉiam kaj ĉie oni taksas pozitive kaj laŭdas nian Federacion, la agadon de la fervojistaj esperantistoj. Niaj fakuloj partoprenas diversajn laborgrupojn, komisionojn en Esperantujo, eĉ multaj el ili havas gvidan postenon.

Mi opinias, ke nia agado estas tre grava por la Esperanto-movado, kaj la fervojistaj esperantistoj kiel en la pasinteco tiel en la estonteco estas la motoroj de la Esperanto-movado.

*Aspet, la 30-an de marto 2008.*
*(István Gulyás)*

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*60-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Morillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "

## Internacia Fervojista Esperanto-Federacio en Vikipedio (Wikipedia)

*Vikipedio estas multlingva enciklopedio en interreto, kiun ĉiu povas facile kunredakti.*

*Jen la informoj legataj pri IFEF.*

### Landaj Asocioj de IFEF

Aŭstrio : Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio (AFEF)
Belgio: Belga Esperanto Fervojista Asocio (BEFA)
Bulgario: Bulgara Fervojista Sekcio de Bulgara Esperanta Asocio
Ĉeĥio: Ĉeĥa Fervojista Sekcio ĉe Ĉeĥa Esperanto-Asocio
Ĉinio: Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio (ĈFEA)
Danio: Dana Esperantista Fervojista Asocio (DEFA)
Francio: Franca Fervojista Esperanto-Asocio (FFEA)
Germanio: Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA)
Hispanio: Hispana Esperanto Fervojista Asocio (HEFA)
Hungario: Hungara Fervojista Esperanto-Asocio (HFEA)
Italio: Itala Fervojista Esperanto-Asocio (IFEA)
Japanio: Japana Esperantista Ligo Fervojista (JELF)
Kroatio:Kroata Fervojista Esperanto-Asocio (KFEA)
Norvegio: Norvega Esperantista Fervojista Asocio (NEFA)
Rumanio: Rumana Esperanto Fervojista Asocio (REFA)
Serbio: Serba Asocio de Fervojistoj
Slovakio: Slovaka Asocio de Fervojistoj Esperantistoj (SAFE)
Slovenio: Fakkomitato de Fervojistaj Esperantistoj en Slovenio

*Ĉar kunlaboranto de Aŭstria Federacia Ministerio por Ekonomio kaj Laboro (Punktor la 19-an de aprilo 2008) lanĉis la AFEF-paĝon en Vikipedio, venis al mi la ideo, ke IFEF ankaŭ kontribuu por atingi la 100 000-an E-artikolon en Vikipedio. Por tio mi lanĉis la paĝojn de "landaj asocioj".*

*Alvoko al la landaj asocioj : Bonvolu kontroli, korekti, daŭrigi aŭ forviŝi la paĝon.*

*Nuna stato de Esperanto-artikoloj, post aldono de paĝoj pri IFEF-landaj asocioj en Vikipedio: 99 568!*

*Amike, Leopoldo Patek*